

# Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r. a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Februaro/Marto (1) 2010

# Loĝi sur la akvo

Eilbekkanalo en Hamburg-Barmbek

Foto: Klehr

**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str .95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidantino:**
*Kerstin Baasch*
Scharpenmoor 74 e
22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431883 47
klehr@esperanto-hamburg.de

## Karaj legantoj,

nun jam estas la jaro 2010. La klubo finfine vere alvenis en la *Kulturbutiko:* Ni nun havas ŝrankon por niaj aparatoj kaj libroj, kiujn ni uzas dum klubvesperoj. Ĝis nun *Ralph Glomp* regule alportis ĉion de hejme kaj reportis, kiam en la vespera programo estis filmo aŭ perkomputila prezentado. En moderna prezentado tia tekniko ja estas tute normala en nia tempo.

En Decembro mi pasigis kvin tagojn en malsanulejo ĉar mi havis rompitan femuron post kiam mi stumblis kaj falis. Dum nia Zamenhoffesto mi iris per lambastonoj. Intertempe mi jam povas iri sen bastonoj.
Por nia biblioteko novaj bretaroj jam estis liveritaj en Decembro, sed pro mia akcidento ni ne instalis kaj plenigis ilin.

En Februaro ni havos nian *jarĉefkunvenon,*
en Marto vizitos nin Irlanda gasto *Dr. Seán Ó Riain*
kaj en Aprilo ni de nove prezentos Esperanton en la urbocentro en *Eŭropa foiro*.

Do, ĉio iras sian kutiman vojon...

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*

Kultur Laden
ST.GEORG e.V.

**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

*Mia*, *min* kaj *mi*:
En la mondo regas tri.

Populara parolturno

**Redaktofino**
**de n-ro 2/2010: 15-03-10**

**Redaktofino**
**de n-ro 3/2010: 15-05-10**

**Redaktofino**
**de n-ro 4/2010: 15-08-10**

## Loĝi sur la akvo

Ne estas domoj, nek boatoj. Iom de ambaŭ karakterizas tiun novan loĝkoncepton de hamburgaj arĥitektoj.
La novaj loĝboatoj ne plu estas veraj boatoj: Ili ne havas motoron kaj ne povas sendepende moviĝi. En antaŭaj tempoj oni simple konstruis dometojn sur ŝipetojn aŭ gabarojn. Tion oni trovas en la Urbocentro, *Hamburg-Harburg*, *Billbrook* kaj *Veddel*.
En la plej moderna formo la bazo estas betona pontono per kiu flosas la loĝdomo. Tiuj domoj estas ekipitaj per moderna tekniko: Ili gajnas energion el la ĉirkaŭa akvo kaj parte uzas fotoelektran teknikon. Trink-akvon kaj


La plej modernaj loĝboatoj


Malnovaj loĝboatoj en Spreehafen (Veddel)

for-akvon kondukas tuboj sub la apuda strato. Same elektro venas de sub la strato. La modernaj loĝboatoj similas al modernaj loĝdomoj kun tamen ŝipo-similaj materialoj kiel ligno kaj ŝtalo. Intertempe ekzistas novaj loĝboatoj en *Barmbek* kaj *Hammerbrook* kaj estas planitaj en aliaj kvartaloj; entute estos 100 en Hamburg, la urbo kun la plej multaj akvejoj en Germanio.
La nova medio-protekta tekniko distingas la Hamburgajn loĝboatojn de tiuj kiujn oni konas el *Amsterdamo*, *Sanfrancisko* aŭ *Bangkoko*.
Jam pli ol 300 Hamburganoj interesiĝas pri tia flosanta hejmo en unu el la loĝkvartaloj. La kostoj por tia sengrunda konstruaĵo supozeble similas al tiuj de normala familia domo.

## Arkitektura premio
### por nova Unilever-domo en Hamburg

La rafinita arkitekturo de la ĉefa sidejo de Unilever en Germanio antaŭ nelonge estis distingita per la renoma *World Architecture Festival Awards* en Bacelono en la kategorio *Oficejo*. Konceptita de *Behnisch Architekten* en Stuttgart, ĝi staras apud la *Krozada Centro* en la *Havena Urbo* de Hamburg.


Foto: Adam Mørk / Unilever

## Zamenhoffesto 2009

La 19an de Decembro ni festis en la *Kulturbutiko* kun 29 membroj kaj gastoj. La festa manĝaĵo bongustis, kaj oni laŭdis la kuiriston *Oscar*. Krom la festparolado de *Benno Klehr* okazis kelkaj prezentaĵoj:
*Hannelore Brunow* laŭtlegis predikon de la Papo,
*Kerstin Baasch, Jutta Sültz, Ralph Glomp, Dominik Grauert kaj Jürgen Wulff* laŭtlegis en diversaj roloj skeĉon de Loriot: *Kristnasko ĉe familio Hoppenstedt*,


**Kerstin kaj Benno prezentas novajn librojn**

*Pia Haasis* laŭtlegis amuzan historieton,
*Álvaro Cortes* kaj liaj infanoj kantis diversajn kantojn.


**En la restoracio de la *Kulturbutiko***

Fotoj:
Albert Bielenberg

# *D-ro Seán Ó Riain:* St. Patrick's Day

## Prelego (18-03-10) en germana lingvo en la granda salono de la Kulturladen St. Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg.



La Tago de Sankta Patriko (la 17-a de marto) estas la formala nacia festotago, celebrante la patronan sanktulon de Irlando, Sanktan Patrikon. Dum lastaj jaroj, la celebradoj ĉe Dublino pligrandiĝis al tutsemajna festivalo (la Festivalo de Sankta Patriko), kun piroteknikaĵoj, muziko, surstrata teatro, kaj la tradicia parado. Multaj portas verdajn vestojn por honori la sanktulon.

En Irlando oni respektas Patrikon kiel sanktulon, kiu portis kristanismon en ĉi tiun landon. Poste li fariĝis sankta protektanto de Irlando kaj kune kun harpo kaj trifolio fariĝis karaktera simbolo de irlanda nacio, kiun oni konas en la tuta mondo. Kun lia nomo estas ligita nemalmulte da legendoj. Ekzemple, rakonto pri tio, kiel li per trifolio klarigis al homoj prezenton de Sankta Triunuo: „Same kiel tri folioj povas kreski el unu kulmo, Dio povas esti unueca triece“.
La Tago de Sankta Patriko celebriĝas tutmonde de irlandanoj kaj irlandanidoj. Granda parado okazas en Dublino kaj plejparto de aliaj Irlandaj urboj kaj vilaĝoj. Paradoj ankaŭ okazas en aliaj urbegoj, ekz-e Londono, Parizo, Romo, Moskvo, Pekino, Honkongo, Singapuro kaj tra Usono, sed eble la plej granda eksterirlanda parado okazas en Novjorko. Ĉikago kaj kelkaj aliaj urboj honoras la tagon tinkturante la riveron verda.
Ĉe multaj partoj de Usono kaj Aŭstralio, irlandanoj kaj homoj kiuj volas esti "irlandano por la tago" ankaŭ celebras la tagon, kutime trinkante irlandan bieron (ofte tinkturitan verda).

Tradicio fari paradojn en tago de sankta Patriko havas longan historion. En ĉi tiu tago oni kutime eliras en stratojn, ridetas, vestas sin ridinde kaj brile, ŝercas kaj gajas, kaj ankaŭ trinkas bieron. Unua dokumente fiksita parado okaze de ĉi tiu festo estis en Novjorko en jaro 1762. En jaro 2005 tago de sankta Patriko estas sola eksterlanda festo, pro kiu oni baras unu el ĉefaj stratoj de Moskvo por kostuma parado kun partopreno de folkloraj personaĵoj, diversaj irlandaj muzikaj kolektivoj kaj keltaj dancoj.

**Donnerstag, den 18. März 2010** um 19:30 Uhr

# Vortrag von *Dr. Seán Ó Riain:* St. Patrick's Day

In Irland ist der 17. März Nationalfeiertag zu Ehren des irischen Nationalheiligen St. Patrick. An diesem Tag ist grün die vorherrschende Farbe der feiernden Iren in aller Welt. Dr. Seán Ó Riain bringt uns die Stimmung dieses Tages nach Hamburg.
Dr. Seán Ó Riain ist Irischer Diplomat, der zur Zeit in der Europäischen Kommission arbeitet. Promotion am Trinity College, Dublin, mit einer Dissertation „Sprachenplanung in Irland und Québec, 1919-1985“.
Vortrag **in deutscher Sprache** im großen Saal des Kulturladens St. Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg.



*Dr. Seán Ó Riain*

**Vendredo, la 19an de Marto 2010** je 19:30a horo

## *D-ro Seán Ó Riain:*
# La laboro de Eŭropo Esperanto Unio EEU kaj ĝiaj celoj

Prelego en Esperanto en la granda salono de Kulturladen St. Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg.

**Sabato, la 20an de Marto 2010**

Speciala Programo por ne-hamburgaj gastoj
(komuna vizito, ekz-e al muzeo de elmigrado)

## Hamburg-Enigmo



Kie troviĝas tiu ĉi historie grava konstruaĵo, kaj kian signifon ĝi havis?

---

**Vendredo**, la 2an de Aprilo
ĝis **lundo**, la 5an de Aprilo 2010

## 9a Kekso-renkontiĝo je pasko en Hamburgo




Kekso estas projekto por gejunuloj inter la 15a kaj 25a jaraĝo. Tiu renkontiĝo la unuan fojon okazos en Hamburgo en junulargastejo Horn.

Bonvolu aliĝi je www.esperanto.de/kej/kekso.

## Inaŭguro en Herzberg

En la Esperanto-urbo Herzberg grava evento okazis. Monumento kreita en Ĉinio estis inaŭgurita de la urbestro de Herzberg. Trumpetisto ludis la eŭropan kaj la Esperantan himnojn dume.



fotoj: Marti, www.esperanto-urbo.de

La monumento estis inaŭgurita okaze de la 150a naskiĝdatreveno de d-ro L. L. Zamenhof en Herzberg. Ĉeestis reprezentantoj de UEA, HES, ICH, de la kulturdeputito kaj de la gazetaro. Krome estis laŭtlegitaj salutmesaĝoj de la skulptistoj, de BELO kaj de s-ro Zamenhof-Salewski. Koruso de la loka gimnazio kaj pianisto akompanis la eventon per belaj muzikpecoj. La kantoj estis en Esperanto.

*Dominik Grauert*

### Kotizoj de HES 2010

### Mitgliedsbeiträge 2010

Karaj membroj, es ist wieder soweit, der HES-Kassierer sieht mit Freude der pünktlichen Bezahlung der Mitgliedsbeiträge entgegen:

**Mitgliedsbeiträge Esperanto-Verein Hamburg e.V.**

50 € normale Mitgliedschaft / Personen mit Einkommen
25 € Familienangehörige, Jugendliche, Mitglieder ohne eigenes Einkommen
12 € Kinder und Jugendliche bis 16 Jahre
Bitte überweisen Sie den Mitgliedsbeitrag bis zum 28.2.2010 auf das Konto des Esperanto-Vereins Hamburg e.V.: GLS Gemeinschaftsbank, BLZ 430 609 67, Konto Nr. 2006716500
oder erteilen Sie eine Einzugsermächtigung.

**Mitgliedsbeiträge Deutscher Esperanto – Bund e.V.**

46 € Erwachsene ab 27 Jahre mit eigenem Einkommen
23 € Erwachsene …ohne eigenes Einkommen
Bitte überweisen sie an Sozialbank Mainz, BLZ 550 205 00, Konto Nr. 8603600

Kore salutas Gerald Roemer Kasisto de HES

---

**Mitgliedsbeiträge** und Spenden an HES können in der Einkommensteuererklärung geltend gemacht werden. Soweit die einzelne Zahlung 100 Euro nicht übersteigt, genügt es, den Zahlungsnachweis (abgestempelter Überweisungsbeleg oder Kopie des Kontoauszugs) zusammen mit der nachstehenden Erklärung einzureichen. Aus den Unterlagen muss erkennbar sein, ob es sich um einen Mitgliedsbeitrag oder eine Spende handelt. Bei höheren Beträgen wird Ihnen unaufgefordert eine Spendenbescheinigung zugesandt.

**Bescheinigung über Gemeinnützigkeit**
Der Esperanto-Verein Hamburg e.V. ist wegen Förderung des Völkerverständigungsgedankens nach dem letzten uns zugegangenen Freistellungsbescheid des Finanzamtes Hamburg-Nord in Hamburg vom 24.09.2009 unter der Steuernummer 17/420/07983 als gemeinnützigen Zwecken dienend anerkannt und nach Paragraph 5 Abs. 1 Nr. 9 des Körperschaftsteuergesetzes von der Körperschaftsteuer befreit.
Es wird bestätigt, dass die Zuwendung nur zur Förderung des Völkerverständigungsgedankens (im Sinne der Anlage 1 - zu § 48 Abs. 2 Einkommensteuer-Durchführungsverordnung – Abschnitt A Nr. 10 - zuvor Anl. 7 Ziffer 12 Einkommensteuerrichtlinien) und entsprechend der Satzung des Esperanto-Vereins Hamburg e.V. verwendet wird.

Gerald Roemer, Kassenwart

## Solvo de Hamburg-Enigmo

Sur la foto videblas la restinta okcidenta alo de la kastelo de Hamburg-Harburg.


Foto: Helms-Muzeo

Partoj de la kastelo jam estis konstruitaj en la 14a jarcento.
Post 1527 ĝi estis duka rezidejo. Dum la 30jara milito ĝi fariĝis parto de la citadelo de Harburg.
Post 1813 ĝi servis kiel sidejo de la administracio. En 1898 ĝi estis vendita al la ŝipkonsruisto R. Holz kiu transformis la alon kun la tureto por loĝigi laboristojn de la apuda ŝipfarejo. En 1972 la orienta alo, la iama palaco, estis malkonstruita.


La iama duka palaco ĉ. 1900

## Zamenhof-Monumentoj

Ekzistas multaj Zamenhof-monumentoj; nun ankaŭ en Herzberg. Laŭ mia opinio ĝi aspektas kvazaŭ Zamenhof mem estus elektinta la aspekton. Almenaŭ la stilo memorigas pri tiu de lia tempo. Tamen la inaŭguro okazis en 2009. Jen kelkaj ekzemploj de „malnovaj“ monumentoj:

Białystok
Pollando



Vieno
Aŭstrio



Salvador
Brazilo (1977)



*Benno Klehr*

---

**La 15an de Decembro en interreto:**



## Einladung / Invito

Hiermit werden alle Mitglieder des Esperanto-Vereins Hamburg e.V. eingeladen zur Jahreshauptversammlung am 11. Februar 2010 um 19.30 Uhr im Kulturladen St. Georg, Großer Saal, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg.

Folgende Tagesordnungspunkte sind laut Satzung vorgesehen:

1. Erstattung des Jahresberichts und des Kassenberichts
2. Bericht der Kassenprüfer
3. Diskussion
4. Bericht des Beirats
5. Entlastung des Vorstandes
6. Wahl des Vorstands
7. Wahl des Beirats
8. Wahl der Kassenprüfer
9. Budget, Beiträge und Pläne 2008
10. Diskussion und Entscheidung über Vorschläge
11. Verschiedenes

Aufgrund der Vorstandswahlen bittet der Vorstand um die Teilnahme möglichst vieler Mitglieder.

Im Namen des Vorstands.
Ralph Glomp, 2. Vorsitzender

# Nia Programo

Ĉiuj ĵaŭdaj klubvesperoj: 19.00 h • programo 19.30 h en Kulturladen St.Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg

## Februaro

**4** **Esperanto – pasporto al la tuta mondo**
Oka leciono

**11** **Jarĉefkunveno 2010 de Hamburga Esperanto-Societo**
(Bonvolu rigardi specialan inviton!)

**18** Fabelo de *Hans Christian Andersen*: **„Malgranda Niko kaj granda Niko“**
La tradukon de L. L. Zamenhof legas Stano Marček (sonbendo, 36 minutoj).

**24** Merkredo, 18.30 h
**Estrarkunsido** (publika)

**25** *Jürgen Wulff kaj Ralph Glomp:* **Impresoj de Tenerifo**
Rakontoj, bildoj kaj filmetoj

## Marto

**4** **Kviza vespero** kun *Kerstin Baasch*
Venu kaj elprovu vian scion.

**11** **Akuzativo – Nivelo 2**
laŭ „ABCmempraktikilo pri ĉefaj ĉapitroj de la Esperanta Gramatiko“. Gvidas *Benno Klehr.*

**18** *D-ro Seán Ó Riain:* **St. Patrick's Day**
Prelego en germana lingvo en la granda salono de Kulturladen

**19** (Vendredo) *D-ro Seán Ó Riain:* **La laboro de Eŭropa Esperanto-Unio EEU kaj ĝiaj celoj**
Prelego en Esperanto en la granda salono de Kulturladen St. Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg.

**20** (Sabato ) **Komuna ekskurso** (mempagota) de HES-anoj kaj ne-hamburgaj gastoj al vidindaĵoj kiel ekzemple la muzeo de elmigrado en Ballinstadt. Ĉiuj estas bonvenaj.

**24** Merkredo, 18.30 h
**Estrarkunsido** (publika)

**25** **Havano – hieraŭ kaj hodiaŭ:**
La gastiganto de la 95a UK prezentas sin en mallonga oficiala filmo.
Vi povas kompari la bildojn kun filmo el la jaro 1990.
Tiam Fidel Castro mem malfermis la 75an kongreson de Esperanto.
Interesega 37-minuta filmo.




## Aprilo

**1** **Ovo-kunveno** Filmo: “La mortotuko – signo de nia epoko”
1993, 57 minutoj.

**2-5** **KEKSO** Junulara Renkontiĝo (paĝo 4)

**8** *Werner Bormann* estis festpreleganto en Dresdeno kaj parolas pri la **„Marie-Hankel“-Kulturtagoj**

**15** *Pia Haasis:* **Tutanĥamono**
lia vivo kaj lia epoko en bildoj

**24** **Eŭropa Foiro**
Kiel ĉiujare ni prizorgos standon sur Gänsemarkt. Verŝajne tio estos nia ununura varbebleco en 2010, ĉar la festivalo de la kulturoj ĉi-jare ne okazos pro manko de mono al la urbo Hamburgo. Bonvolu subteni la varbadon kaj anonci vian partoprenon ĉe la estraro.